# Argentina Esperantisto

Monata organo de Argentina Esperanto-Asocio

ABONPREZO: En Argentino sesmonate $ 1.— En Eksterlando 1 jaro 2 Sm.

Redakcio kaj Administracio: E. Unidos 1354 Buenos Aires (Argentino)

ANONCOJ: Du linioj en la Fako korespondado, 1 respondkupono.

JARO I — DECEMBRO 1917 — N.° 12

*La redakcio rajtas korekti la manuskriptojn*


# ALVOKO

## AL LA MEMBROJ DE A. E. A.

La 30an de la nuna monato, je la 2a horo posttagmeze, en Esperanta Hejmo, okazos nia ĝenerala kunveno. Persone, per letero aŭ per delego, vi ĉiuj devas partopreni ĝin. Neniu el vi povas resti indiferenta kiam oni pritraktas aferojn de kiuj dependas grandparte la progreso de Esperanto en tiu ĉi lando. Estas necesegaj viaj opinioj kaj voĉdonoj.

Nomu, ĉia organizaĵo aliĝinta, delegiton. Tiu ĉi povos esti ĝia nuna delegito ĉe la Centra Komitato, aŭ alia persono; sed, ĉiaokaze, li devos prezenti leteron certigantan ke li estas elektita por reprezenti la grupon ĉe la ĝenerala kunveno. Se ia organizaĵo anstataŭ nomi delegiton preferas opinii kaj voĉdoni per letero, ĝi rajtas tion ĉi fari.

Rajtas ankaŭ opinii kaj voĉdoni per letero, la izolaj asocianoj kiuj ial ne povas ĉeesti la kunvenon.

---

A LOS SOCIOS AISLADOS de A. E. A. que por ser principiantes no sepan aún expresarse con facilidad en esperanto, se les comunica que pueden usar el castellano para dar sus opiniones y sus votos —personalmente o por carta— en la próxima asamblea general.

Pídeseles no dejen de tomar parte, en una u otra forma, en el acto a realizarse.

# Interparolado kun la Vivo

Du homoj estis antaŭ la Vivo, du suferantoj pro ĝi.

—Kion vi volas de mi? — al ili ĝi demandis.

Unu el ili respondis malrapide:

—Mi ribelas antaŭ la krueleco de viaj kontraŭdiroj; mia spirito vane klopodas kompreni la signifon de la ekzistado kaj mia animo estas plena je la mallumo de l' dubo. Tamen, la prudento diras al mi ke la homo estas la plej perfekta estaĵo el la mondo...

—Kion vi postulas? — interrompis kvietege la Vivo.

—Mi volas la feliĉon... kaj por povi ĝin realigi, estas necese ke vi akordigu la du kontraŭajn principojn kiuj kunposedas mian animon, apogante mian «mi volas» kun via «vi devas»

—Vi nur rajtas deziri tion kion vi devas fari por mi, respondis la Vivo severe.

—Ne, mi ne povas deziri esti via viktimo. Tial ke mi volas superregi vin, ĉu mi estas kondamnita vivi sub la jugo de viaj leĝoj?

—Kvietiĝu vian emfazon, diris tiu kiu estis plej proksime de la Vivo. Sed ne atentante liajn vortojn la alia daŭrigis:

—Mi volas havi la rajton vivi en harmonio kun miaj aspiroj. Mi ne volas esti frato nek sklavo de mia proksimulo pro devo. Mi estos lia frato aŭ lia sklavo laŭplaĉe, obeante mian volon. Mi ne volas ke la socio uzu min kiel inertan ŝtonon kiu helpas konstrui la tombon de sia feliĉo. Mi estas homo, mi estas animo, mi estas spirito, kaj mi devas esti libera.

—Atendu—diris la Vivo kun glacia rideto—Vi paroladis jam sufiĉe, kaj mi jam scias ĉion kion vi povus aldoni. Vi petas vian liberecon! Kial vi ĝin ne akiris? Batalu kontraŭ mi! Venku min! Fariĝu mia mastro, kaj mi estos sklava al vi. Vi ne scias kun kia trankvileco mi ĉiam submetiĝas al la triumfantoj. Sed estas necese venki. Ĉu vi ŝentas vin kapabla batali kontraŭ mi por liberigi vin de via sklaveco? Ĉu vi estas certa pri la venko? Ĉu vi konfidas je via forto?

Kaj la homo respondis:

—Vi trenis min en internan konflikton kun mia propra «mi»; vi akrigis mian saĝon kiel mortiga klingo eniĝanta en min profunde, neniiĝanta min.

—Parolu al ĝi pli kuraĝe, ne plendu— diris lia kamarado. Sed la alia daŭrigis:

Ha, se la tiraneco donus al mi "batalripozon! Permesu al mi ĝui la feliĉon!

La Vivo denove ridetis, kun sia glacia rideto.

—Diru al mi: Turmante vin al mi, ĉu vi postulas aŭ petas favoron?

—Mi petas favoron — respondis la homo kiel eĥo:

—Vi plorpetas kiel vera almozulo; sed vi sciu, malfeliĉulo, ke la Vivo ne donas almozojn. Vi sciu ke libera estaĵo nenion petas: propriĝas al si

miajn donajojn . . . Vi estas nur sklavo de mia volo. Nur estas libera tiu kiu scias forlasi ĉiajn devojn por sin dediĉi plene al la atingo de la elektita celo; ĉu vi komprenis? Foriru.

La homo estis kompreninta, kaj li kuŝiĝis kiel obeema hundo ĉe la piedoj de la Vivo, por kolekti humile la restajojn de ĝia festeno.

Tiam la rigardo de la Vivo sin direktis dolĉe sur tiun kiu ankorau ne parolis kaj kies mieno estis plena je honeco.

—Kion vi petas?

—Mi petas nenion, mi postulas . . .

—Kion vi postulas?

—Kie estas la justeco? Donu ĝin al mi. Poste mi scios atingi ĉion . . . Nune mi volas nur la justecon. Mi atendis longe kun pacienco, sen la plej malgranda ripozo. Mi atendis . . . sed alvenis la horo. Kie estas la justeco?

—Prenu ĝin vi mem—respondis kvietege la Vivo.

M. GORKI

Tradukis E. Gr. ĈIAM ANTAUEN
Banfield

---

Ne ekzistas regulo sen escepto.

Kiu ne riskas, tiu ne gajnas.

Grandaj malbonoj, grandaj rimedoj.

Lupo dormanta ŝafon ne kaptas.

Se vi faros vin ŝafo, la lupoj vin manĝos.

Pli da okuloj, pli da certeco.

## Ampliaciones a los cursos por correspondencia

### II. —FORMACIÓN DE PALABRAS

Las tan simples como ingeniosas reglas que rigen la formación de palabras en el Esperanto, hacen que sea éste el más rico de los idiomas conocidos y el más fácil de aprender. Hay lenguas naturales, como la inglesa, que cuentan más de cien mil vocablos; pero el que quiera conocerlos todos, ha de tomarse el trabajo de aprenderlos de memoria uno por uno. En cambio el que en Esperanto ha aprendido bien las mencionadas reglas constructivas, y un millar o dos de «raíces», puede decir que conoce varias decenas de miles de palabras esperantas. Fácil es comprender, pues, cuán grande es la importancia del estudio de estas reglas.

Pedimos a nuestros lectores dediquen la mayor atención a este capítulo.

Estudiaremos, ante todo, las derivaciones de las nueve voces simples

iu, ia, io, ies, iom, ie, iam, ial, iel

que, como sabemos, se refieren respectivamente a individuo, clase, cosa, poseedor, cantidad, lugar, tiempo, causa y manera.

En su forma primitiva, esas palabras tienen un significado indefinido.

Iu significa alguien, alguno.
Ia „ algún, alguna, alguna clase o especie de . . .
Io „ alguna cosa, algo.
Ies „ de alguien.
Iom „ un poco, algo.
Ie „ en alguna parte.

Iam significa alguna vez, una vez.
Ial „ por alguna causa.
Iel „ de alguna manera.

Ejemplos:

Iu venas.
Alguien viene.

Iaj birdoj kostas multege.
Algunos pájaros (o algunas clases de pájaros) cuestan muchísimo.

Io okazis.
Algo ha ocurrido.

Ies estas la libro.
De alguien es el libro.

Iom da pano li petis.
Un poco de pan el pidió.

Ie li estas.
En alguna parte está él.

Iam li iros al Europo
Algún día él irá a Europa.

Iam ŝi iris al teatro.
Una vez ella fué al teatro.

Ial li falis.
Por algún motivo el cayó.

Iel ŝi skribos la leteron.
De alguna manera ella escribirá la carta

§ Ahora bien, si a esas voces simples les anteponemos la letra k, formamos palabras interrogativas, relativas o exclamativas. Ejemplos:

Kiu venas?
¿Quién viene?

La persono kiu venis hierau.
La persona que vino ayer.

Kia birdo estas?
¿Qué especie de pájaro es?

Mi ne scias kia birdo estas.
No sé qué pájaro es.

Kia bela birdo!
¡Qué hermoso pájaro!

Kio okazis?
¿Qué cosa ha ocurrido?

Mi ne scias kio okazis.
No sé qué cosa ha ocurrido.

Kies estas la libro?
¿De quién es el libro?

Jen la infano kies estas la libro.
He ahí el niño de quien es el libro.

Kiom li petis?
¿Cuánto pidió?

Mi ne scias kiom li petis.
No sé cuánto pidió.

Kiom da mortintoj!
¡Cuántos muertos!

La lando kie mi naskiĝis.
El país donde nací.

Mi venos kiam mi povos.
Vendré cuando pueda.

Kial li falis?
¿Por qué causa cayó?

Oni ne scias kial li falis.
No se sabe por qué causa cayó.

Mi opinias kiel vi.
Yo opino como usted.

Kiel li ŝin amis!
¡Cómo la amaba!

## OBSERVACIONES

«Iu» se usa únicamente refiriéndose a individuos, pero sus derivados (kiu, tiu, etc.) se emplean también refiriéndose a cosas. Ejemplo:

La libro kiu estas sur la tablo.
El libro que está sobre la mesa.

Aunque «kiu» y «kio» traducen el pronombre castellano «que», no debe confundírselos. Siempre que el «que» pueda ser reemplazado por «qué cosa», «lo cual» o «lo que», se emplea para traducirlo la palabra «kio», que no admite plural. Cuando el «que» puede ser reemplazado por «quien», «quienes», «el cual», «la cual», «los cuales» o «las cuales», se emplea para traducirlo la palabra «kiu» o su plural «kiuj».

# Enlanda movado

PERGAMINO

Senripoze laboradas niaj samideanoj de la centro «Verda Stelo». Ili atingis ke la grava jurnalo «La Opinión» publikigu ĉiu vendrede artikolon pri Esperanto, pli longan, ofte, ol jurnalkolono.

Profitante la libertempon, oni efike propagandas inter geinstruistoj.

Estas disdonita broŝuro pri la Eccles'a eksperimento.

La 16an. de Novembro, okazis generala kunveno, en kiu oni konstatis la progreaojn de la centro. Oni kunvenas ĉiu vendrede por praktiki.

LA PLATA

La 9an de Novembro, la senlaca Centro Esperantista de La Plata malfermis kurson ĉe la biblioteko «Juan B. Alberdi». Sro A. Tagliaferri gvidas ĝin; ĉeestas 20 lernantoj.

La 15an de la sama monato, la centro malfermis alian kurson ĉe Instituto Musical Argentino, al 15 lernantoj, kiujn instruas Sro B. Escayol.

Novaj kursoj estos baldau komencataj.

BAHÍA BLANCA

Dum ili atendas, por reorganiziĝi, la proksiman revenon de sia prezidanto Sro D. Dalmau —kiu sin trovas en Europo— la anoj de Ateneo Esperantista ne ĉesas laboradi. Ili klarigas kurson ĉe la publika lernejo N° 2, kaj propagandas efike per la loka gazetaro. La gravaj jurnaloj «Bahía Blanca» kaj »El Siglo», kaj la semajna gazeto «Juventud», publikigis artikolojn tre taugajn por nia afero.

ZÁRATE

Esperanta Grupo Zamenhof efektivigis kunvenon la 2an de Novembro, en kiu —krom aliaj aferoj rilatantaj la proksiman generalan kunvenon— oni decidis:

Doni simpatian aplaudon al la Centra Komitato de Argentina Esperanto-Asocio, pro la granda celo elmontrita dum ĝia funkciado tempo por la kreskigado de Esperanto. Aprobi senescepte ĝian agadon.

NIA SAMIDEANO KAJ AMIKO

Sro Francisko Clevillé edziĝis kun fraulino Martina Chacón, la 16an de Novembro. Ni deziras longan feliĉon al la edziĝintoj

NIA KONKURSO

Sroj juĝantoj ne sciigis aukorau la rezultaton. En la proksima numero estos publikigata la tradukajo premiita.

# Tagordo

por la ĝenerala kunveno de A. E. A. okazonta la 30an de Decembro 1917.

1 — Legado de l' akto de la antaua ĝenerala kunveno.

2 — Informo de la Centra Komitato.

3 — Diskutado kaj voĉdonado de la proponoj ĉi-sube publikigitaj.

4 — Legado de la eksiĝoj de Sroj L. Kelety, V. Albamonte kaj H. Meroni. Elekto de novaj komitatanoj. (En la okazo se la projekto de la C. K. pri reformo de la Statuto estus aprobita, oni decidos ĉu Sro R. Estil-les restos en la C. K. kiel ĝenerala sekretario au kiel aktsekretario, kaj oni elektos la alian sekretarion, la novajn prezidanton kaj kasiston, kaj ankau la direktoron de A. E., la administranton de E. Hejmo kaj la bibliotekiston).

# PROPONOJ

diskutotaj en la ĝenerala kunveno.

Numero 1

La C. K. de A. E. A. proponas reformi lausekve la Statuton:

Art. 1 — kiel la nuna.

2 — A. E. A. konsistas el grupaj membroj kaj izolaj membroj. Estas grupaj membroj tiuj kiuj apartenas al grupoj au societoj aliĝintaj. Tiuj ĉi membroj pagas duonjaran kotizon el 1 $ m/n. La izolaj membroj pagas duonjare 1.50 $ m/n. Ĉiu membro, izola au grupano, ricevos senpage la oficialan gazeton.

3 — Ĉiu grupo au societo aliĝinta pagas monatan kotizon el $ 0.50 minimume, kaj rajtas ricevi senpage du ekzemplerojn el ĉiu numero de la oficiala gazeto.

4 — La prezo de l' abono al la monata oficiala gazeto «Argentina Esperantisto» estas por nemembroj 1 $ sesmonate.

5 — La organizajoj aliĝintaj konservas tute sian liberecon por agado.

6 — A. E. A. estas absolute neutrala rilate al politiko, religio kaj nacieco.

7 — En Julio kaj Januaro okazos ĝeneralaj kunvenoj, en loko elektita de la C. K., por kiuj ĉia organizajo aliĝinta nomos specialan delegiton. La kunvenantoj decidos pri la proponoj de la C. K, de la grupoj aliĝintaj kaj de la izolaj membroj, publikigitaj 15 tagoj antaue (almenau) en la oficiala gazeto; oni ne povos decidi pri nepublikigitaj proponoj. Plie la kunvenantoj elektos la novajn komitatanojn kiuj devos anstataui la eliĝantajn. La membroj, izolaj au grupaj, kiuj ne povas ĉeesti la kunvenon, rajtas reprezentiĝi sin en ĝi. La reprezentanto devos montri ateston subskribitan de la reprezentato. Neĉeestantaj asocianoj povas ankau voĉdoni per letero.

8 — Eksterordinara ĝenerala kunveno povas efektiviĝi se la C. K. au la triono el la asocianoj tion postulas.

9 — La C. K. administras la asocion, direktas la ĝeneralan propagandon, arangas kursojn kaj ekzamenojn, klopodas por la formado de grupoj en la lokoj kie estas esperantistoj, k. t. p.; ĝi konsistas el prezidanto, vicprezidanto, ĝenerala sekretario,

aktsekretario, kasisto, direktoro de la oficiala gazeto, administranto de Esperanta Hejmo, kaj bibliotekisto; ĉia organizajo aliĝinta rajtas reprezentiĝi sin en ĝi per unu delegito informanta. La C. K. rajtas pleniĝi en la okazo se iu el siaj anoj eksiĝas, elektante anstatauanton. Se estas necese, ĝi povas aldoni al si helpajn subkomitatojn (ekzemple, por aranĝi ekspozicion).

10 — kiel la 9a de la nuna statuto.

11 — „ „ 10a „ „ „ „

N u m e r o 2

La grupo «Liberiga Stelo» aprobas la artikolojn 1, 2, 3, 4, 5, 7, 9 kaj 10 de la nuna statuto, kaj proponas ke oni reformu la 6an anstatauante la vortojn «Oni ne povas decidi pri ne publikigitaj proponoj» per «Oni ne povas pritrakti ne publikigitajn proponojn, ekster en la okazo se ili estas gravaj por la antaueniro de la Asocio, au por la propagando de Esperanto»; kaj la vortojn «Tiuj ĉi delegitoj elektos el ili...» per la vortoj «La delegitoj povos proponi kiel komitatanon, iun ajn kunvenanton, anstatau elekti nur el ili la komitatanojn.»

Proponas ankau reformon de la artikolo 8, foriganta la oficojn de prezidanto kaj vicprezidanto, ĉar la grupo opinias ke ili estas nenecesaj.

N u m e r o 3

Esperanta Gr. Zamenhof proponas:

1. Organizo de kurso per korespondado por instruistoj de esperanto, pere de Stud-komisio kiu dauros en sia funkciado almenau unu jaron.
2. Pligrandiĝi je 1 $ la jaran kotizajon de asociano.

# Membrolisto de A.E.A.

IZOLAJ MEMBROJ

Buenos Aires: — M. Ch. Abildgaard, N. Benito, A. Enriquez, J. Losada, J. Pegueroles, D. Ruiz, H. Speich, C. Valla, P. Balaguer.
Bahia Blanca: — J. A. Ballesteros, J. Barquina, V. Guembe, N. Mielgo, D. Salguero.
Castellanos: — J. C. Gotteland
Carlos Tejedor — J. Merlotti
Colonia Urdaniz: — G. Moccia
Huinca Renancó — J Playá.
Lanús — Leono Pochet
Libertad — R. Icely
Mar del Plata — J B Rocca
Macallé — Mir Balada Núñez
Maizales — J. Milicich Ivotof
Mendoza — J. García
Moisesville — J R Campos
Mackenna — V Pérez, A Gimenez, A Infante.
Pérez Millán — S Rodríguez
Pueyrredón — C Andrés
Rawson (Chubut) — P Bosso
Rosario — H Lohau
San Nicolás --- J Olives (hijo)
Santa Fé — C Liguori, S Marani, M Castro
Tres Arroyos — J M Pérez
Tucumán — M Hernández

GRUPAJ MEMBROJ

El Esperanta Grupo Casal Catalá: M Bover, J Clement, L Dalmau, V Granell, R Mas, B Nicoli, C Perito, V Deulofeu, J Prat, L Vila, A Villafranca, M Rey Pintos.

El Centro Esperantista de Bs As:
V. Albamonte, R. Bassi, Renée G. de Benabentos, H. Meroni, B. Morera, E. Rodríguez, F. Ruprecht, Antonio Vila, J. Vilaseca, M. Blanco.

El Esperanta Grupo Liberiga Stelo:
P. Bases, A. Corral, R. Estil-les, E. Iglesias, T. J. Posadas, E. González, P. Silenta.

El Centro Verda Stelo:
J. Bonjoch, F. Bonjoch, C. R. Cowper, A. Durán, L. Ferreiro, L. Kelety, J. Perrota, L. Rollando, A. Silvestrini.

El Esperanta Grupo Zamenhof:
E. Buscaglia, A. Civinelli, J. Mesa, S. Soler, J. Sanz, E. Tkachuk, Ernesto Nechuay.

El Esperanta Grupo Tagiĝo:
A, Espinosa, E. Espinosa, C. Camoccio, G. Maletta, V. Romero.

El Centro Esperantista de La Plata:
L. Conosciuto, A. Mazzuconi, J. Miralles, A. Tagliaferri.

El Oficiala Esperantista Klubo:
L. del Pozo, A S Vidal, J Titoy, S Gomis, H Hauberg, J Alsina.

---

El Dr VICTORIO M. DELFINO, intelectual bien conocido en la Argentina, ha manifestado lo siguiente respecto al Esperanto:

«Juzgo, no sólo empresa razonable y útil su adaptación a la humanidad, sino una obra de amor, de concordia y de paz entre los hombres. Filológicamente, el idioma de referencia no puede ser más sencillo y fácil de aprender. Bastaría con establecer escuelas en todos los centros y enseñarlo tres meses para empezar a hablarlo. Creo que sería una de las mayores glorias de este siglo su establecimiento»

## ADMINISTRATIVAS

Movimiento de caja de A. E. A.
—Noviembre—

| | |
|---|---|
| Existencia anterior | $ 6,20 |
| Cobrado 2 cuotas de «izolaj» y una de «grupano» | 2,50 |
| Venta de 2 «migrantaj p k» | 0,10 |
| | 8,80 |
| Salidas (franqueo de corresp) | 0,15 |
| Existencia en caja | 8,65 |

Movimiento de caja de Arg. Esp-to
Noviembre

| | | |
|---|---|---|
| Cobrado por suscripciones | | 21,00 |
| Salidas (estampillas) | 4,45 | |
| Déficit de octubre | 12,37 | 16,82 |
| Existencia en caja | | 4,18 |

Movimiento de caja de Esp. Hejmo
Noviembre

Cuotas de protectores cobradas:
A Enriquez, 3 $; V Albamonte, 2; M Blanco, 1; H Meroni, 1; J Prat, 1; P Bases, 1; A Vila, 1; V Deulofeu, 1; M Bregua, 1; R Mas, 1; L Dalmau, 1; A Tagliaferri, 0,50; R Estil-les, 1; R Rinaldi, 1; A Corral, 1; Aro el Grupo ĉiam Antauen, 1; E Rodríguez, 1. Total 19,50

| | |
|---|---|
| Donación de S Rodríguez | 10,00 |
| Donación de P Silenta | 1,00 |
| Entradas varias | 3,15 |
| Total | 33,65 |

| | |
|---|---|
| Déficit de octubre | 44,55 |
| Pagado alq. noviembre | 25,00 |
| | 69,55 |
| Entradas en noviembre | 33,65 |
| Déficit al 1° diciembre | 35,90 |

---

EL CENTRO ESPERANTISTA de Buenos Aires —calle Gazcón 1639— enviará a cualquier parte de la República un curso completo de Esperanto —25 lecciones y la correspondiente clave —contra el envío de una cuota voluntaria no menor de un peso.